3.ª JARO N.° 43 MONATA ESPERANTO-GAZETO DECEMBRO 1938


# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)


## SEN TIMO AL LA VERO

Pura konduto ne bezonas vualojn. Akorde kun tia principo, doktoro Negrin ĵus faris aŭdacan proponon al brita ambasadoro: La hispana Registaro estas preta akcepti la viziton de sinjoro Chamberlain, ĉefministro de Britio, en akompano de duko de Alba, representanto de Franko en Londono.

Malgraŭ la ofendoj, kiujn ni ricevis de sinjoro Neville, estus al ni tre plaĉa lia vizito. Eble, pro tiu hipoteza vojaĝo, la brita gvidanto korektus multon el siaj opinioj pri nia konflikto. Krome, ĉar li estas oficiala reprezentanto de amika lando, la hispanoj akceptus lin respektoplene, laŭ postuloj de la diplomataj reguloj k laŭ kutimo de hispana gastameco.

Sed, la plej eksterordinara aspekto de la propono estas la samtempa invito al la duko de Alba. Tiu ĉi ranca aristokrato estas publika malamiko nia; ne pro tio, ke ni ofendis lin, sed ĝuste, tute kontraŭe, ĉar li mem ribelis kontraŭ la normala ordo. Se lia bela palaco en Madrido estas grave difektita, kulpas nur la bomboj, kiujn ĵetegis sur ĝin liaj amikoj: la germanaj k italaj aviadistoj. La popolo, anstataŭ detrui, klopodis konservi; zorgante pri valoraj juveloj k transportante, al sekuraj lokoj, pentraĵojn k skulptaĵojn.

Doktoro Negrin tute simple invitas malamikon vidi kiel laboras k kiel batalas la liberaj hispanoj. Jen nobla oferto de aŭtentika kavaliro al nobelo, kiu nur sciis malpurigi siajn blazonojn partopreninte en la abomena perfido, kiu malfermis la naciajn pordojn al fiaj invadintoj. Ni havas nenion kaŝinda! La vero estas nia advokato, tial ni ne timas la rigardojn de inteligenta malamiko. Li vidus—se li venus—kiamaniere ĉi tie, en la vera Hispanio, oni vivas streĉe k oni mortas abnegacie. Kaj li estus rafinita kanajlo, se poste li tordus la observitajn faktojn. Kvankam ne strange, tio povus okazi, sed tiam, kun liaj mensogoj, lia konscienco fariĝus nia aliancano.

Ĉu en la faŝista zono, oni povas fari al ni similan inviton? Ne, tute ne! La rektaj rigardoj de unu sola libera hispano, en la subpremata teritorio, estus forta akuzo, pro vendita patrio, pro koruptita religio, pro organizita teroro, antaŭ kies malvirtoj brilas aŭreole la nobla propono de la Respubliko, honesta demokrata reĝimo, kiu, eĉ en la mezo de furioza ŝtormo, aplikas la arogan politikon de pordoj malfermaj. Ĉi tie oni povas vidi, sen vualoj nek sekretoj, niajn dolorojn, niajn erarojn k ankaŭ eĉ niajn mizerojn; sed, kune kun nia izoliteco, kun tio ĉio, nian grandiozecon k nian gloron..

Ĉu la emfaza diplomata duko akceptos la inviton? Preskaŭ certe ne! Estas ja multe pli facile mensogi pri socia ĥaoso ol sincere konfesi, ke la hispana Respubliko estas masiva ŝtato, hardita per tutpopola unueco, kiu batalante por sia sendependeco batalas por ĉies progreso pruvante, ke la faŝismo, malgraŭ blekoj, minacoj k ĉantaĝoj, estas venkebla se oni serĉas la oportunecon stari popolfronte kontraŭ ĝiajn minacojn, k oni respondas, per adekvataj batoj, ĝiajn provokojn... sen forgeso al ĉiuj ĝiaj agentoj, embuskitaj en niaj propraj vicoj por nuligi sincerajn klopodojn.

Multajn vizitojn ricevis Hispanio, ekde la komenco de sia milito; sed ĝis nun estis tro amikaj la observantaj okuloj. Por ili la sola zorgo estis konstati aferojn jam konatajn. Poste, kiam la buŝoj parolis, ĉiam ŝajnis tendencaj la faritaj asertoj. Por eviti tion, neniel hezitas, la legitimaj respondecaj gvidantoj de la Respubliko, malfermi la fenestrojn de nia ariergardo, al kelkaj rektaj delegitoj de la malamikoj, por ke ili mem, antaŭ konkretaj faktoj, atestu, eĉ per diskreta silento, pri la mensogoj de sia informado. Ili ja havas okazon eniri en Madridon, sed... kun nia permeso! Ili ne akceptos, ĉar estas tro honesta nia propono k la honesteco estas armilo por konfuzi la malhonestecon. Ili ne venos!! Bone do, eĉ per tio, ili helpos nin ĉar, rifuzante observi la veron, ili konfesas sian timon al la nobla konduto de tiuj kalumniitaj civitanoj, tiu vastega amaso el obstinaj homoj, kiuj patose suferas k mortas, sen timo al la vero, por fari la vivon feliĉa k vere vivinda.

## KIAM VELKAS PLIA JARO...

Ĉe la fino de ĉiu jaro, oni kutimas fari bilancon pri ĝiaj plej reliefaj okazaĵoj, por eltiri spertojn aŭ studi deduktojn. Unu post alia, Saturno formanĝegis la dekdu monatojn de la jaro 1938ª. La ministero de nova tempodaŭro komencas influi ĉe la sorto de la homoj. En ĉi tiu serioza horo ni ankaŭ prezentas ĉi tie severan bilancon.

La popolo de Hispanio, dum la jaro kiu velkas, devis elteni la plej rigorajn elpruvojn: Reperdo de Teruel, faŝista ofensivego en la orientaj frontoj k fortranĉo de la komunikoj inter Barcelono k Valencio. Tamen, tute kompreneble, Italio k Germanio ne nur celis izoligi ambaŭ urbojn, sed ja kapti ilin. Kaj ili brave restis, restas k restos, kune kun Madrido, kiel ĉefaj juveloj en la ĉarma diademo de la demokrata Respubliko.

Konservi ilin, asekuri ilin je ĉia minaco, serĉi per ili, primokante la fanfaronaĵojn de blufema malamiko. Jen, tio estas niaj venkoj, niaj sukcesoj, en la lastjara bilanco. Ĉu malmulte tio estas? Ho, ne; neniel! Se oni kalkulas la fortegajn puŝojn kontraŭ niajn frontojn, oni komprenas la valoron de nia obstina rezistokapablo, kiu tute ne ja estas ŝablono aŭ frazo banala, sed fakta muro el korpoj k lerta organizado de fortoj.

Kaj se estas materiaj venkoj haltigi—ilin detruante!—kompletajn diviziojn de Italio, ni fieras pleje pri aliaj moralaj avantaĝoj niaj: Respekti internaciajn akordojn, pagi honeste la ŝuldojn, humanigi niaflanke la militon aplikante nur defendon, sen venĝemo, kontraŭ krueleco; ne bombardi civilajn loĝantarojn, ne ekzekuti mortpunojn, permesi la kulton de lia religio al ĉiu religiano; eksterlandigi—kun danko k emocio—ĉiujn fremdajn volontulojn; k super ĉio, ellabori klaran programon pri celoj k aspiroj de la bona popolo, armite kontraŭ ribelaĉo de feŭdaj kastoj: Forpeli la invadintojn k libere lasi elekti, post tio, la reĝimon, kiun la venkanta popolo, sen trudo, mem volos.

Jen do la dika aso de niaj sukcesoj: Triumfo de la etiko! Per tia cemento, ni masonas nian kuraĝon, oferante niajn komfortojn por ĉies progreso k daŭre, devige ankoraŭ, batalante kiam velkas plia jaro... Plia jaro sen justeco, plia jaro kun ofendoj moralaj al digna lando, kiu ŝatas pli la liberecon ol la vivon. Plia jaro sen ripozo, sen halto en la lukto: sen festoj nek dimanĉoj!

Plian jaron, ĉe kies jusa Kristnasko, ne manĝis marcipanon niaj karaj infanetoj...

## KAMARADECO

Ili estis nedisigeblaj amikoj! Ili manĝis la samajn manĝaĵojn k ili dormis sub la sama tuko. Ili kune dejoris k ankaŭ kune, ili atakis kuraĝe, kiam necese, la faŝistojn.

Ili estis du fidelaj kamaradoj: Unu hundo k unu soldato!

En rekonkerita detruita vilaĝo, timigite k humile marŝetante, venis tiu hundo renkonte al niaj trupoj. Iu soldato vokis ĝin; li karesis ĝian kapon k donis al ĝi panon. Post tio, la hundo treege amikiĝis kun la soldato, sekvante lin ĉien.

La soldato rekompencis ĝian fidelecon per granda estimo. Li ludis kun ĝi tre kontente, ĉar li instruis al ĝi fari diversajn petolaĵojn de cirka hundeto.

En momentoj de ripozo, la petolema estaĵo estis ŝatata amuzilo, ĉe rondo de soldatoj, kiuj ridis plenbuŝe, pro ĝiaj burleskaĵoj:

—Jen, atentu «Kolonelo»—tiun nomon ricevis la besto pro ĝia emo al la armeo—kiamaniere salutas la bonaj antifaŝistoj?

Kaj la hundo tuj alproksimiĝis pugnosimile, ĝis la orelo, unu el siaj antaŭaj kruretoj.

—«Kolonelo», kiel marŝas la faŝistaj generaloj?

Kaj la hundo ekpaŝadis faletante, kvazaŭ ebriulo.

—«Kolonelo», diru al la faŝistoj kelkajn salutvortojn!

Kaj, rapide saltante for de la parapetoj, kun movetoj de vosto, la simpatia besteto antaŭeniris plurajn metrojn, en direkto al la kontraŭaj tranĉeoj, k vigle ekbojis.

Ĝia instinkto estis tiel akuta, ke ĝi «flaris» ĉiun proksimecon de danĝero. Tiam, neniel ĝi disiĝis de la soldato.

Iun matenon...

Niaj armeanoj faris fortan atakon al la malamikaj pozicioj, de kie venis tre dense siblantaj kugloj. Sama pafado vundis la soldaton k la hundon.

—Ho, malbona sorto, «Kolonelo», malbona sorto... Jen, venu ĉi tien! Kio doloras al ci?...

Plendis la hundo, pro ega sufero, per malĝojaj bojetoj, sensukcese pretendante leviĝi.

—Kvietiĝu «Kolonelo», estu kvieta ĉar mi mem alproksimiĝos al ci...

Sed la soldato havis trapafitaj ambaŭ krurojn: eltenante sian propran doloron, por mildigi tiun de la besto, la homo rampis al ĝi penige, iom post iom, karese k fervore.

—Ne plendu plu «Kolonelo» ĉar jam mi kuŝas apude. Li prenis el la tornistro sian sanitaran saketon—ĉarpio, vato, bandaĝo, agrafoj—k tre diligente kuracis la hundon.

Kiam la brankardistoj venis, ili trovis samtempe, emocie, la soldaton mortinta k la hundon vivanta...

## MOZAIKO

● Kun la nobla intenco garantii la rajton al ĉiu civitano por praktiki la ritojn de sia religio, ekster ĉia politika influo, la Registaro ĵus starigis oficiale la komisarejon por kultoj, kiu zorgos normaligi, laŭ konstituciaj normoj k tolerema sinteno, la religian vivon de la Respubliko.

● Oni konas novajn metodojn, kiujn la faŝistoj ĵus ekaplikas al la kaptitoj: Sur la brakojn de la kaptitoj, oni tatuas hokokrucon k poste devigas ilin preni armilojn kontraŭ la Respubliko. Se iu el tiuj, tiel bestece markitaj, soldatoj revenas al niaj vicoj k denove batalas kontraŭ la tiranio, riskas la vivon okaze de rea kaptiteco.

● La hispana Registaro konservas k flegas detalojn pri aŭtentika digno. Ĉar la reakcia senato de Belgio aprobis la proponon, de tiea ĉefministro Spaak, sendi agenton al Franko, la Respubliko retiris sian ambasadoron en Bruselo, kiel pruvo ke la hispanoj ne almozas favorojn nek akceptas forditajn diplomataĵojn. Kompreneble, tiu paŝo neniel rilatas je la fervora popolo de Belgio, kies solidareco al nia lukto kreskas de tago al tago.

akuzantoj de la modernaj barbaroj.

● La mirinda rezistado de Hispanio, kontraŭ la despotismo, influas en la alta politiko de kelkaj landoj. En Britio mem, fondiĝis grupo de konservativaj deputitoj, kontraŭaj al la danĝeraj metodoj de Chamberlajn, rilate la eksterajn aferojn.

● Kiel detalo, pri la granda nombro da vunditoj, en la faŝista zono, aperas statistiko el hospitalo de Vitorio (Baska regiono) kie oni kuracis dum daŭro de la milito pli ol 40.000 soldatojn el la faŝista armeo.

● Ĉiuj plej elstaraj hispanaj kuracistoj ĵus redaktis vervan alvokon, al siaj kolegoj el tutmondo, pri la barbaraj metodoj uzataj de la faŝistoj, kiuj daŭre bombardas ankoraŭ, kvazaŭ normala taktiko, la pacajn domojn de sendefendaj civitanoj en tre multe da eksterfrontaj urboj.

● Kamarado Indalecio Prieto, eksa socialista ministro por Nacia Defendo, vojaĝas nun tra Ameriko; li faris tre gravan paroladon en la ĉefurbo de Ĉilio, kie multaj miloj da aŭskultantoj povis akiri ĝustajn opiniojn pri nia afero. Poste, li parolos ankaŭ en aliaj ĉefaj lokoj de Suda Ameriko.

## NIA HUMANECO NE ESTAS STULTECO

Malgraŭ la abundega materialo, kiun havigas al ĉefperfidulo Franko la faŝistaj potencoj ili mem estas plene konvinkitaj pri la neeblo fiaskigi, nur per tiaj materiaj rimedoj, la kuraĝan persistemon de la Respublikana Armeo. Pro tio, ili fidas tute nur je la laboro de siaj spionoj k provokistoj, kiuj manovras svarme en la popola zono. Kun erara supozo, ke la humaneca konduto de la legitima Registaro estas pruvo de malforteco, perfide agadis en Katalunio kelkaj faŝistaj bandoj el militistaj elementoj, kiuj liveris al la malamiko efikajn informojn por bombardi urbojn aŭ prepari ŝtatrenverson okaze de nova granda ofensivo en la frontoj. Sed la popola polico ne dormas! Ĝi sufiĉe oportune malkovris la komploton k detruis la reton per subita aresto de pli ol kvarcent personoj, kiuj konsistigis la spionajn bandojn. Inter la arestitoj ekzistas gravaj personoj: fama kuracisto el Barcelono k du leŭtenantaj koloneloj, kiuj celis rekompenci la bonkoran konfidon de la popolo per nova, plej nigra, perfido. Nun, sen tia rusto en la ariergarda maŝino, la situacio estas pli klara k la rezistokapablo pli forta ĉar neniu dubas jam ke se, kun ĉio, ili ankoraŭ ne povis venki; sen tio, estas ja absolute neeble.

Rigoraj punoj k pli streĉa zorgado avertos, ke nia humaneco neniel estas stulteco...

● En Parizo, dum lasta kunsido de la Socialista Internacio k la Sindikata Federacio, oni decidis entrepreni vastan agitadon, favore al la hispana popolo, sub jenaj konstatigoj:

Neebleco k maljusteco serĉi solvon al la konflikto sen atento al la deziroj de tiu sama popolo mem, k esprimante la konvinkon, ke por rapida k regula solvo decas nur la rekta apliko de la internacia Juro per kontrolita forigo de ĉiuj eksterlandanoj.

● Por iomete agrabligi la daton de la Kristnasko, al la hispanaj infanoj, la studentaro de la Universitato de Oxford kolektis 625 sterlingajn funtojn, k en tiu de Cambrigde 500.

● La ĉefministro, doktoro Negrin, adoptis infaninon el Mataro (Barcelono) al kiu oni tranĉis unu krureton okaze de ĵusa faŝista bombardado. Tiu delikata faro de nia unua ministro estas kvazaŭ omaĝo al ĉiuj infanoj, senkulpaj viktimoj k kortuŝaj

● La Registaro aprobis dekreton per kiu oni reakceptas, en la oficialaj postenoj, civilaj aŭ militaj, ĉiujn oficistojn, kiuj sen formala proceso estis maldungitaj pro suspektemo. Tiun alpaŝon oni faris por montri, ke la Respubliko punas nur la personojn, kiuj elpruvite rompis la leĝojn, kiujn la popolo ellaboris, ĉar kiuj parolas pri ordo ne ĉiam respektas la ordon.

● Post unu monato de kvieteco en la frontoj, la faŝistoj entreplenis furiozan ofensivon en la katalunaj frontoj, ĉe la rivereto Segre. En ĉi tiu atako, batalas NUR italaj divizioj apogitaj per la plej impona materialo, kiun ĝis nun oni uzis en nia milito. La Popola Armeo, ankaŭ pro tio k malgraŭ tio, rezistas plej firme ol ĉiam k defendas bravege, futon post futo, la karan terenon, kiun ofendas, en skandala invado, la hufoj de la fremdaj kruelaj detruemaj faŝistoj.

# DUM LASTA SEPTEMBRO, EN GERMANIO

*En nia interesa kolego «Komunikoj por la Gazetaro» kiun zorge eldonas la Esperanto-Fako de la Internacia Transportlaborista Federacio, aperis longa, treege leginda, raporto pri lastaj skandaloj en Hitlerio. Plezure ni represas fragmenton, kiu iel utilos por ilustri objektivajn opiniojn pri la blufa unuanimeco en la Tria Regno...*

Dum la krizaj septembraj tagoj, regis en Germanio granda paniko. Ĉiu timegis la militon. La agordo inter la popolo estis tia, ke kaŝiĝis en ĝi forta danĝero por la reĝimo. Por montri tiun agordon, ni publikigas ĉi-sube raporton, kiun ni ricevis de iu germana ŝipano. Ni atentigas, ke tio ne estis la sola raporto; similaj informoj venis ankaŭ el fabrikoj ktp. Sed ĝi tre bone ilustras, kio tie en Septembro prepariĝis:

«...Je la tago, kiam ni alvenis al la haveno N... komenciĝis konfuzo. Per gazeto k ŝipaj komunikoj, ni sciis ĉion. Ĉiumomente ĝi povis eksplodi. Niaj ŝipanoj, konsistantaj el kelkcentoj da viroj, inter ili kompreneble ankaŭ nacisocialistoj, diskutis jam malkaŝe pri la eventuala milito. Nenie oni rimarkis ion pri entuziasmo. En la kabinoj de la hejtistoj k ŝmiristoj regis tia atmosfero, ke ni, revoluciaj konfiduloj, havis grandan ĝojon pro tio. Kiam la proksiman tagon venis ordono teni vaporon en la kaldrono, sciis jam ĉiu el la maŝineja k ferdeka personaro, ke ni kontraŭstaros se la estro provos forveturigi la ŝipon. Cetere ni ĉion preparis okaze de eksplodo de la milito, ne malkaŝante tamen niajn intencojn. La rilatoj kun niaj amikoj en la lando jam ekfunkciis. Kio nin speciale mirigis estis la absoluta fiasko de la nacisocialistoj el la ŝipo. Dum multaj jaroj, ili organizadis kun ega bombasto kursvesperojn k, je ĉiu okazo, ili malfermadis la buŝon; sed nun subite ĉio finiĝis. Nenion oni rimarkis pri milita entuziasmo. Eĉ la plej mallaŭta *Heil Hitler* forestis. Anstataŭe, tiuj individuoj alrampadis k provis paciĝi kun la simplaj ŝipanoj. Ilia parolmaniero tute ŝanĝiĝis: «Vi ja scias, mi neniam perfidis iun, k apartenas ankaŭ al vi! Aŭ: Mi ja ĉiam estis bonulo k neniam estis kontraŭ vi! Aŭ: Mi ja partoprenis la aferon nur ĉar al tio oni devigis min!»

Kaj kiel kondutis la oficiroj? La ŝipestro subite denove salutis la karboŝovelistón! La ĉefinĝeniero subite denove parolis kun la hejtistoj afable k kompleze! Ĉie oni denove aŭdis la malnovajn salutojn: Bonan matenon, bonan tagon, bonan vesperon! Krom la flago, ekzistis en la ŝipo neniu nacisocialismo plu. La konfuzo inter la nacisocialistoj k inter la oficiroj pligrandiĝis kun ĉiu nova sciigo. Fine venis ordono forlasi la lokon k veturi en iun neŭtralan havenon. Ĉiuj eksterlandaj ŝipanoj estis maldungataj. La ŝipo ricevis specialan taskon. Kvankam ni ne sciis, kia tasko tio estis, ĝi ne ĝenis nin multe, ĉar fakte regis la ŝipon jam ni.

Nia ago, nome: la transpreno de la komando en la ŝipo, estus okazinta tuj je tiu momento, kiam la kapitano estus doninta ordonon por forveturo. Nia ŝipo ne forlasus la havenon k, laŭ rilatoj kun la lando k aliaj ŝipoj, ni povas aserti, ke ankaŭ pliaj germanaj ŝipoj ne estus forveturintaj?...

# En la Haveno de Valencio

Pro mia poligloteco, post viglaj klopodoj, mi estas akceptita, kiel interpretisto, en oficejo de la grava haveno de Valencio: loko nun eble pli danĝera ol la plej aktiva fronto. Por ofici en mia nova civila posteno, mi ekveturas ĉiutage per oficiala aŭtomobilo. Plengalope ĝi atingas la havenan kvartalon. Malaperas malantaŭen rubaj amasoj, ruinoj k falŝajnaj muroj: altaj, solaj, dum iliaj fratoj rektiĝis laŭ la tero k ŝanĝiĝis en senformaj pecoj. Tio ja estas la stampo de l' faŝismo!

Tra rapida marŝo, mi sentas subitan halton: en la mezo de la vojo minacas funelforma truego je dumetra diametro. Lerta manovro de la ŝoforo sukcesas bortderigi la malfermaĵon. En la plua veturado ne mankas torditaj reloj, faligitaj arganoj k sinsekvaj ruinoj. La tuta kvartalo estas preskaŭ forlasita. Dekoj, eĉ centoj, da domoj staras «je dispono». Post tia panoramo, aperas antaŭ mi la havena kajo. Ĝi jam ankaŭ preskaŭ estas pasintaĵo! Mi eniras internen, ĉar tio mem estas mia «oficejo». Plej oftaj bombovizitoj, en Valencio, koncernas nur la havenon. Neniu kapablas eldiri la nombron da bomboj, kiuj ĉi tie falegis k eksplodegis.

Se oni observus nur ĉi tion, sen penso pri io alia, oni estus certa, ke viva estaĵo ne povas tie loĝi k labori. Sed ja okazas io miriga: Tra tiuj ruinoj, oni laboras k laboras. Oni diligente ŝarĝas k malŝarĝas ŝipojn, oni riparas difektojn, oni protektas valoregajn varojn, dum oni ŝercas sprite, samtempe, laŭ hispana maniero.

Jam du, tri, kvar tagoj forpasis, sen vizito de nigraj aviadiloj. Mi miras k ĉiuj miras! Subite la alarmilo ekmuĝas. Ĝia plilaŭtiĝanta voĉo estas tre akurata averto, por ke ĉiu laboristo rapidu en la rifuĝejojn. Tio do tuj okazis. Kaj efektive, apenaŭ la ŝirmejoj pleniĝis, kiam la aeron traŝiris sible falantaj k eksplodantaj kvincentkilogramuloj. Interne de la subteraĵoj, la laboristoj leviĝas k laŭtigas parolojn kriante: Vivu la Respubliko! El ili, multaj perdis siajn plej karajn estaĵojn: fratojn, patrojn, filojn k amikojn. La indigno estas ega k, kiel respondo al la perfida atako, antaŭ ol la ĉeso de la alarmo, ili ĉiuj aperas sur la laborlokoj daŭrigante, per kreskanta ritmo, sian sanktan okupon: elŝipigi nutraĵojn k defendilojn por la popola libereco.

Nur vivante inter tiuj kuraĝaj laboristoj, mi konvinkiĝis ke popoloj, kiel tiu de Hispanio, neniel povas esti venkitaj. Kaj certe ili atingos en gloro tion, por kio ili verŝas nun, tiel malavare, sian noblan sangon. Jes!

Jozefo TENENBAUM

Interpretisto ĉe la Militista Delegitarejo en la haveno de Valencio.

## EL LETERO DE BATALANTO

**FROSTO!...** ...Jen, mi daŭrigas: En ĉi tiu fronto la malvarmo estas terura, neeltenebla. Bravaĉa uragano enigas pinglojn el frosto en niajn korpojn. Kontraŭ tio, nenie oni trovas taŭgan rifuĝejon. Eĉ la deklivo de la monto tiel malmoligis sian kruston, ke la pioĉo forglitas fiaske kiam ni intencas fosi truon por trovi varmeton. Uzi la dinamiton por egoistaj celoj ne estas honeste. Ĝin oni bezonas por fari tranĉeojn k haltigi la paŝojn de faŝistoj.

Sed, mi ne skribas al vi por rakonti enuaĵojn; vi ja scias ke volo, kuraĝo k fervoro ne mankas al ni, kiam temas defendi la liberecon. Mi nur intencas diri hodiaŭ al vi, ke ĉi tie vipas granda frosto, multa frosto...

Pasintan jaron, dum Kristnasko, mi estis tie, kun vi, apud la amboso ĉe la forĝejo. Ĉu vi rememoras? Kiom da bona ŝtalo ni ambaŭ prilaboris por fari defendilojn! Tamen, tie estis agrable varme. Poste mi soldatiĝis. Vi restis, k restas ankoraŭ, pro maljuneco, en la ariergardo. Kaj certe, post la ordinara laboro, vi ne ripozas en la tasko provizi la frontojn per adekvataj varmigiloj. Ĉi tie, en la fajrolinio, treege multe oni dankas tiun praktikan solidarecon, kiu karese instigas al pliaj oferoj. Tamen... ĉi tiu vintro estas tiel kruela!... Sed, tio ne gravas. Nian lukton—nian aferon—ni mem devas gajni! Per nia propra doloro!! Viaj leteroj multe parolas pri tio. Manko de oferemo ĉe ni, aŭ ĉe vi, povas esti kaŭzo por morgaŭa tiranio. Similajn vortojn mi diris pasintjare, apud la varma forĝejo, kiam venis similaj voĉoj el la tranĉeoj, petante pacajn batalilojn kontraŭ la frosto, kiu mordis k mordadis la bravajn karnojn de niaj soldatoj. La vintro estas agrabla sezono por riĉaj turistoj, kiuj povas praktiki belajn sportojn sur la blanka tavolo de neĝo en elektitaj regionoj. Sed, dum milito, tiu sama senvarma mantelo estas kvazaŭ funebra envolvaĵo.

Kaj memoru, ĉi tiu vintro estas pli rigora, pli akra... Vipas frosto, multa frosto en la avangardaj parapetoj...

Adiaŭ! Kune kun vi restas mia stimulo k mia fido en la venko. Ĉu mi povas jam diri al la ceteraj kamaradoj, ke ili povas jam kalkuli pri via helpo?... Jes! ĉu ne?

**EN LA SOJLO DE PLIA NOVA JARO, LA HOMOJ DE HISPANIO SOLENE PROMESAS NE CEDI!**

## AVERTO AL LA PERANTOJ

Por faciligi niajn kontojn komence de la jaro, ĉiuj niaj internaciaj delegitoj estas petataj sendi frue al nia ĝenerala agento, k-do Gustave Farenc, kompletan resumon de la mono, kiun por nia gazeto ili havos la 1. Januaro 1939. Por la bono de nia entrepreno, ni atendas komplezan plenumon de la peto, pri kio antaŭdankas popolfronte

LA ADMINISTRANTO

## POPOLFRONTA LETERUJO

V. Marsh.—Detroit.—Via letero jam trafis nin. Pri la ne ricevo de P. F., ekzistas kialo, ĉar via adreso ŝanĝiĝis. Mono ricevita, ni kvitancis ĝin en N.° 42. Perpoŝte ni sendas kelkajn pasintajn ekzemplerojn Elkoran dankon pro via helpo.

A. de Vogel.—Spaarndam.—Disdonu inter viaj konatuloj k amikoj, tute senpage, la senditajn broŝurojn pri la Arto Detruita.

Adreso de k-do Agosti, ŝanĝita. Viajn favorajn vortojn, ni dankas. Bonfartu.

R. Molera.—Moya.—Vian monsendon ni dankas. P. K. ricevita. Sanon.

R. Sandstrom.—Stockolmo.—K-do Hernández ricevis vian P. K. k reciprokas vian amikan saluton.

W. Vathis.—Philadelphia.—Adreso ŝanĝita laŭ via P. K. al k-do Hernández. Dankon pro via helpo.

G. Nilsson.—Stockholm.—Via letero estas treege interesa. Jes! multege da gazetoj, pli ol mil ĝis nun, aperigis tradukojn de niaj artikoloj en pli ol tridek lingvoj. Oportuntempe ni publikigos statistikojn.

G. P. De Bruin.—Enschede.—Emocie ni dankas viajn klopodojn k penos komplezi vin, se eblas, pri la propono je la afiŝo. Materialo por kliŝoj preskaŭ tute mankas.

G. H. Read.—Rochester.—Viaj fervoroj estas kortuŝaj. Pri tiu temo ni jam aperigis abundajn informojn. En Hispanio, oni diras ke neniu estas pli surda ol tiu, kiu ne volas aŭdi... Ni insistos pri la temo!

J. Schoon.—Haarlem.—Ni ricevis leteron el k-do A. de Vogel. De nun vi ricevos denove 25 ekzemplerojn. Amikan saluton.

K-do Hernández jam de multa tempo havas preta la koverton por respondi al vi, k estis al li, ankoraŭ ĝis nun, tute neeble fari tion. Memorante pri via gastameco, li tre forte emociiĝas.

G. Weert.—Rotterdam.—Ni diras al vi la samon ol el gek-doj Schoon.

E. Guillén.—Fronto.—Por vi ankaŭ taŭgas la samaj vortoj. Estu pardonema.

E. Oswond.—Londono.—K-do Hernández ricevis ĉiujn viajn poŝtaĵojn, pri kio emocie li dankas vin, atendante la promesitan nutropakaĵon, kies enhavon li distribuos inter ceteraj amikoj. Li ankaŭ havas preta, por vi, la koverton eĉ kun la poŝtmarkoj surgluitaj. Refoje dankon!

## DANAJ KAJ NORVEGAJ AMIKOJ, ATENTU!

Bonvolu sendi viajn donacojn al

**D. L. E. A. DANA LABORISTA ESPERANTO ASOCIO**

**KASSERBREN, AABIHOJ** Poŝtkonto: 19906

### Atentigo al niaj Legantoj

Por la administraciaj laboroj de la nova jaro ni volas reordigi la slipa- ron. Tial estas ĝentile petataj ĉiuj niaj amikoj, kiuj ŝanĝiĝis je adreso aten- tigi frue nin pri tio. Ankaŭ ni dankus scii tuj la nomojn k adresojn de tiuj malnovaj legantoj, kiuj ial ajn, nun ne ricevas la gazeton; al ili ni estas pre- taj eventuale resendi pasintajn nume- rojn laŭ eblo de nia provizo. Bonvolu atentigi tuj la interesatojn.

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

| ĜENERALA INTERNACIA ADRESO | NEDERLANDA ADRESO |
| --- | --- |
| nur por mono | nur por mono de holandanoj |
| GUSTAVE FARENC | PETRO van der PLANK |
| 53, Rue Brise-Pain | Van Speijkstraat, 48-I |
| Poŝtĉekkonto 13944 Orleans | poŝtĝiro 245542 |
| ORLEANS (Loiret) FRANCIO | AMSTERDAM W. Nederlando |

| BELGIO | ANGLIO | SVEDIO |
| --- | --- | --- |
| K-DO M. DELFORGE | K-DO O. MELTON | ARBETAR ESPERANTISTEN |
| 33, Rue de Meigne | 23 Fowler Str. Nechells | Barnhusgatan 8 ö. g. n. b. |
| Postĝiro 199106 | . BIRMINGHAM 7 | Postĝiro n.° 53411 |
| CHARLEROI | | STOCKHOLM |

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—Por kuraĝigi la lernantojn de ĵus komencita kurso de Esperanto en hospitalo, ni petas sendi ĉiuspecajn esperantaĵojn, afiŝojn, gazetojn, poŝkartojn, leterojn, ktp. Ĉiu sendinto ricevos respondon. Adreso: Juan Antonio Terol, Hospital de Carabineros, Villanueva de Castellón (Valencia).

HISPANIO.—K-do Miguel Osete; strato Respubliko n.° 1 Paiporta (Valencia) dez. kor. k. ĉ. l. k interŝanĝi P. M. k P. K.

HISPANIO.—K-do Emilio Verdú, avenuo Adolfo Beltran 151, Benicalap (Valencia) dez. kor. k. ĉ. l. k interŝanĝi P. M. k P. K.

HISPANIO.—K-do D. Montblanch; strato Salvador Seguí n.° 119 Tarrasa (Barcelona) dez. kor, k. ĉ. l. k interŝanĝi P. M. k P. K. aŭ i. ĵ. Li povas korespondi esperante, france k hispane, Li ne sendas unue sed ĉiam serioze respondos per rekomendita letero.

HISPANIO.—K-do Antonio Serna, strato Dolores 43, Cocentaina (Alicante) dez. kor. k. ĉ. l. interŝanĝi P. K. k P. M. Certa Respondo.

HISPANIO.—K-do Jozefo Molina informas siajn amikojn ke li ankoraŭ estas en la Popola Armeo k fartas bone. Lia adreso estas: E. M. División-Base Turia n.° 1, C. C. n.° 16.

HISPANIO.—K-do dez. kor. Kun ĉ. l. pri sporto, muziko, P. M. per P. K. k leteroj. Adreso: Emanuelo Cortada, strato Pi Sunyer 65, Roses (Gerona).

HISPANIO.—K-do Juliano Fernández dez. ricevi ĉiuspecan materialon por ekspozicio. 126 Brigada, 28 División. Intendencia, Base 3.ª

HISPANIO.—K-do Francisko Ureda, leutenanto de mitraliloj, dez. kor. k. ĉ. l. Adreso: 7.ª Brigada Mixta, 28 Batallón.

SOVETIO.—K-do Aleksandro Juravlev, pos. Vorošilova ul. Lenina 36, Stalingrad dez. kor. p. ĉ. l. k interŝanĝi I. P. K.

## INFORMEJO

K-do P. Lage, Aisa 29, Parnu, Estonio, deziras informojn pri k-do A. Person, pri kiu oni scias nenion de antaŭ kelkaj monatoj. Li batalis en la Internaciaj Brigadoj, k ties lasta adreso estis:

S. R. I. Plaza Altozano 182, Albacete.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33; Valencia.

## NIA MUNICIO

| | | |
| --- | --- | --- |
| Valencia Esperantistaro. . . | 22 | ptoj. |
| R. R.—Fronto. . . . . . . . | 10 | » |
| S. G.—Bazo 3.ª. . . . . . . | 10 | » |
| L. M. E.—Bazo Turia. . . . | 50 | » |
| J. A.—Jaén. . . . . . . . | 10 | » |
| M. T.—Gata de Gorgos. . . | 15 | » |
| J. P.—Bazo 4.ª . . . . . . | 50 | » |
| L. A.—Puertollano. . . . . | 5 | » |
| L. H.—Onteniente. . . . . | 100 | » |
| J. G.—Baza. . . . . . . . | 10 | » |
| A. S.—Cocentaina. . . . . | 10 | » |
| J B.—Callosa de Segura.. . | 5 | » |
| D. M.—Tarrasa. . . . . . | 25 | » |
| V. R.—Barcelono.. . . . . | 10 | » |
| A. M.—Callosa de Segura. . | 5 | » |
| M. P.—Moya. . . . . . . | 4 | » |
| R. M.— » . . . . . . . . | 5 | » |
| V. P. M.—Callosa en Sarria. | 10 | » |
| V. S. LL.—Bazo 4.ª. . . . . | 10 | » |
| U. C.—Bazo 4.ª. . . . . . | 25 | » |
| A. E.—Bazo 3.ª. . . . . . | 20 | » |
| M. C.—Rosas. . . . . . . | 25 | » |
| L. C.—Bazo Turia. . . . . | 10 | » |
| G. E. O.—Cote d' ezar.. . . | 25 | ffr. |
| D. L. E. A.—Asbyhoj. Danio. | 31'49 | » |
| H. J.—Vik. Myrdel. . . . . | 75 | » |
| S. B.—Malasysla.. . . . . | 37'50 | » |
| Th. F.—Reykjavik. . . . . | 37'50 | » |
| P.—Paris 19 e.. . . . . . | 5 | » |
| J. P.—Lievin. . . . . . . | 10 | » |
| R. J.—Chalons. . . . . . | 10 | » |
| J. L.—Pouy.. . . . . . . | 15 | » |
| A.—Castelnau. Mag.. . . . | 5 | » |
| E. K.—SLEA. Yonkoping.. . | 700 | » |
| C. T.—La Rochelle. . . . . | 20 | » |
| D. Ch.—Yzeme. . . . . . | 25 | » |
| J. L. E.—Sekcio Leiden. . . | 1'17 | gd. |
| G. J. W.—den Haag.. . . . | 2'50 | » |
| J. Z.—Eindhoven.. . . . . | 1 | » |
| M. d. R.—Dirksland.. . . . | 2 | » |
| Sekcio FLE.—Zwolle. . . . | 7'20 | » |
| J. V. A.—Maassluis.. . . . | 1'20 | » |
| E. T.—Groningen. . . . . | 0'36 | » |
| L. Q.—Rotterdam N.. . . . | 1 | » |
| G. J. W.—den Haag.. . . . | 2'50 | » |
| W. K.—Dordrecht. . . . . | 0'50 | » |
| Listo n.° 6.ª—N. . . . . . | 0'80 | » |
| » » 5.ª—M. . . . . . | 0'80 | » |
| » » 2.ª—v. d. L. . . . . | 2'40 | » |
| » » 5.ª—v. O. . . . . . | 1 | » |
| » » 5.ª—v. O. . . . . . | 0,40 | » |
| » » 2.ª—v. d. L. . . . . | 2'40 | » |
| » » 2.ª—v. d. L.. . . . | 0'90 | » |
| » » 5.ª—v. d. L. . . . . | 2'65 | » |
| » » 6.ª—N. . . . . . . | 2'98 | » |
| » » 6.ª—v. d. L. . . . . | 1'20 | » |
| » » 4.ª—v. d. L. . . . . | 2'65 | » |
| » » 10.ª—Ymuiden. . . . | 4'80 | » |
| » » 10.ª—Haarlem v. O. | 1'75 | » |
| » » 4.ª—Haarlem v. O. | 0'20 | » |
| » » 10.ª—Lassch. . . . | 1'20 | » |
| » » 1.ª—v. O. . . . . . | 1 | » |